# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

32a jaro Septembro-Oktobro 1980 N-ro 5





REGENSBURG, la 33-a kongresurbo

# KIU KONAS, KIU HAVAS SPESMILON?

Antaŭ la unua mondmilito la esperantistoj ofte uzis tielnomatan Speson resp Spesmilon anstataŭ nacian valuton. Ĝi havis fiksan kurson. Unu spesmilo valoris ekzemple 2,5 francajn frankojn aŭ 2 germanajn markojn aŭ 1 rusan rublon.

Kiu povas sendi ekzempleron de tia spesmilo aŭ bonkvalitan foton resp fotokopion de ĝi?

La Historio-Komisiono de IFEF bezonas ĝin por la planita broŝuro.

Krome ni serĉas membrokarton de la "Internacia Asocio de la Esperantistoj Fervojistoj" el la sama tempo.

Elspezojn ni kompensos.

Bv. sendi al la gvidanto de la komisiono laŭ la jena adreso:

Joachim Giessner,
An der Nicolaischule 3,
D-3420 Herzberg am Harz.



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Redaktoro:
Guy Delaquaise, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine.
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring.

# 33a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF) EN REGENSBURG (FR Germanujo)

## 15a – 21a de Majo




Kongresadreso:
33a IFEF-kongreso, Wiener Str. 121,
D-6000 Frankfurt (M) 70
Tel (0611) 65 73 65

Kongresejo:
Kolpinghaus St. Erhard,
Adolph-Kolpingstr.1, D-8400 Regensburg
Tel. (o941) 55 800.

<u>Aliĝo</u>

Aliĝiloj estas haveblaj per la landaj sekcioj de IFEF aŭ per la kongresadreso. La aliĝilo estu sendata al la peranto de la landa sekcio aŭ al kongresadreso. Samtempe oni ĝiru minimume la kongreskotizon al "Wilhelm Grass, Sonderkonto, Sachsenstr. 7, D-8620 Lichtenfels, poŝtĉekkonto n-ro 240 001-855, Postscheckamt Nürnberg, Bankleitzahl 760 100 85". LKK konfirmas la aliĝon kaj sendos la kongreskarton. kies prezento post la alveno en la kongresejo permesas la elliveron de la kongresdokumentoj.

Kongreskotizoj

Ĝis la 31a de Januaro 1981 (alveno de la mono) validas la sekvaj kongreskotizoj en germanaj markoj (DM):

| | |
|---|---|
| - IFEF-membroj (fervojistoj, pensiuloj) | 62,00 DM |
| - familianoj kaj junuloj (malpli ol 20 jaraj) | 31,00 DM |
| - aliaj kongresanoj | 75,00 DM |
| - simpatiuloj (ili ricevos la kongresmaterialon) | 20,00 DM |

Ekde la 1-a de Februaro 1981 la kongreskotizoj altiĝos, escepte por simpatiuloj, nome al 92,00 DM por IFEF-anoj, 46,00 DM por familianoj/junuloj kaj 99,00 por aliaj kongresanoj.

<u>Loĝigo</u>

Kun la aliĝo al la kongreso estas mendata samtempe la tranoktebleco en la dezirita kategorio. La trafikoficejo de la urbo Regensburg konfirmos la rezervigon direkte al la kongresanoj. Po lito kaj nokto inkluzive de la matenmanĝo kaj servmono validas proksimume la sekvaj prezoj:

| | |
|---|---|
| - en gastejoj (sen propra duŝo) | ĝis 24,00 DM |
| - en pensionoj kaj hoteloj | |
| 2a kategorio | 24,00 ĝis 40,00 DM |
| 1a kategorio | 40,00 ĝis 55,00 DM |

Manĝoj

En la kongresejo oni povas partopreni la komunajn manĝojn kontraŭ antaŭe aĉeteblaj kuponoj.

Ekskursoj

Ekskursoj estu mendataj kun la aliĝo. Ili estas pagendaj plej malfrue post la alveno en la kongresejo. Dum la kongreso ekskursoj estas vendataj, se lokoj en la aŭtobusoj kaj ŝipoj estos ankoraŭ disponeblaj.

LKK ofertas

| | |
|---|---|
| - aŭtobusan ekskurson al Falkenstein en la montaro Bavara Arbara tra la triumfa halego Walhalla inkluzive de kafo kaj kuko | 16,00 DM |
| - aŭtobusan ekskurson al la tririvera urbo Passaŭ kun rondveturo per ŝipo inkluzive de la manĝo | 38,00 DM |
| - aŭtobusan ekskurson al la danuba urbo Kelheim kun ŝipveturo al la monaĥejo Weltenburg inkluzive de la manĝo | 25,00 DM |

Lingva instruado

Denove estos ebleco partopreni senkoste lingvan instruadon laŭ la direkta metodo, supozeble por komencantoj kaj progresintoj.

Germanlingvaj kongresanoj povas krome plenumi la Esperanto-ekzamenon laŭ la reguloj de la Germana Esperanto-Instituto.

LKK de la 33a IFEF-kongreso

---

# JUNULARA FONDUSO DE IFEF

La junulara fonduso nun enhavas sumon proksimume 900 danajn kronojn, kaj de tempo al tempo bonkoraj membroj plialtigas ĝin.

La estraro volonte akceptos kaj kontribuojn al la fonduso kaj proponojn pri gejunuloj, kiuj meritas subvencion por partopreni iun Esperanto-aranĝon.

La kasisto

# 33a IFEF KONGRESO

PROVIZORA PROGRAMO

| | |
|---|---|
| Vendredon 15.5. | Alveno de la kongresanoj<br>Interkona Vespero |
| Sabaton 16.5. | Ekumena diservo<br>Inaŭguro<br>Komisionoj<br>Kant- kaj koncertvespero |
| Dimanĉon 17.5. | Okazo por aŭskulti la mondfaman ĥoron "Domspatzen" en la katedralo<br>Komitatkunsido (nepublika)<br>Duontaga ekskurso A al Walhalla kaj Falkenstein<br>Distra Vespero |
| Lundon 18.5. | Komitatkunsido (publika)<br>Fakprelego<br>Balo |
| Mardon 19.5. | Tuttaga ekskurso B al Passaŭ<br>(aŭtobuse kaj ŝipe)<br>Vespero libera |
| Merkredon 20.5. | Komitatkunsido (publika)<br>Komisionoj<br>Magia Vespero |
| Ĵaŭdon 21.5. | Ekskurso C al Weltenburg/Kelheim (aŭtobuse kaj ŝipe)<br>Kongresfermo |

Planataj ankaŭ estas urbgvidadoj kaj ŝipveturadoj trans la konatan danuban akvokirlon en Regensburg, krome lingvoinstruado kaj instruado por kursgvidantoj.

# LITERATURA KONKURSO DE FERVOJISTOJ

LKK de la IFEF-kongreso havas ĉi jare interesan ideon: sub la nomo "La Verda Relo" oni proklamis

Literaturan Konkurson por originalaj kaj tradukitaj verkoj pri la fervojo.

La konkurson rajtas partopreni ĉiu esperantisto krom la membroj de la juĝkomisiono kaj de la Loka Kongresa Komitato.

La proklamado de premiitoj okazos solene dum la sekvontjara kongreso de IFEF (15a ĝis 21a de majo 1981 en Regensburg).

Por la partopreno en la konkurso validas jenaj kondiĉoj:

La tradukitaj verkoj neniam aperis ie en presita formo.

La poeziaĵoj ne enhavu pli ol kvindek versojn.

La prozaĵoj ne ampleksu pli ol 4 paĝojn (formato A 4, interlinio 2).

Ĉiujn kontribuaĵojn necesas sendi en 4 ekzempleroj; ili estu klare tajpitaj.

Ĉiu partoprenanto en la konkurso rajtas prezenti po du verkojn en ĉiu branĉo: originala kaj tradukita poezio resp originala kaj tradukita prozo.

Por tradukaĵoj oni devas aldoni kopion de originalo.

La konkursaĵoj devos atingi ĝis plej malfrue 31a de januaro 1981 la sekretariinon de la juĝkomisiono:

Elfriede Kruse, Wiener-Str 121
D-6000 Frankfurt/Main 70,
FR Germanio.

La jam starigita juĝkomisiono (W. Brandenburg/Germanio, G. Gimelli jr/Italio kaj G. Sredić/Jugoslavio) prijuĝos ĉiujn kontribuaĵojn kaj la plej bonaj estos publike prezentataj dum la IFEF-kongreso en Regensburg.

La konkurso celas disvastigi la fervojan mondon en la Esperanta kulturo.

La konata Esperanta eldonejo "La Literatura Foiro" deklaris principan pretecon aperigi en libra formo la plej bonajn verkaĵojn en aparta fervoja antologio.

Do, beletristoj, profitu vian bonŝancon:

helpu al IFEF disvolvi ankaŭ kulturan aktivecon per multnombra alsendo de viaj originalaj kaj tradukitaj verkoj pri la fervojo.

- - - - - - - - - - - - - -

# LA UNIVERSALA KONGRESO EN STOKHOLMO

La 65a Universala Kongreso de Esperanto okazis en Stokholmo, Svedio la 2an-8an de aŭgusto 1980 kun 1807 partoprenantoj el 51 landoj.

La temo de la kongreso estis Diskriminacio: ĉefe lingva sed ankaŭ internacie ekonomia, rasa/etna kaj kontraŭ virina diskriminacio.

En la kadro de la kongreso estis ankaŭ Fervojista Kontaktkunveno vendrede la 8an de aŭgusto. Ĉeestis 16 personoj el 8 landoj.

Imre Ferenczy, Hungario, enkondukis kaj gvidis la kunvenon.

Kiel komenco li laŭtlegis raporton de komitatano A de IFEF, Istvan Gulyas pri la okazinta 32a IFEF-kongreso en Het Meerdal, Nederlando.

Menabene, Italio pledis por vigligo de la movado. Li speciale emfazis la rolon de la Itala Parlamenta Grupo, kaj li pledis por fondigo de simila grupo en FR Germanio kunlige kun la IFEF-kongreso en Regensburg venontjare.

La sekr de IFEF Henning Olsen, Danlando, kiu ĵus venis al Stokholmo, speciale por nia kunveno, faris longan prelegon, en kiu li interalie tuŝis la lingvajn problemojn de FISAIC kun du allasitaj lingvoj: franca kaj germana.

Estas hontiga afero, ke Svedio, Finnlando, Norvegio kaj Danlando (la Nordiaj landoj) estas la plej agemaj por subpremi siajn proprajn lingvojn pere de instruado kaj uzado de unu-du fremdaj naciaj lingvoj.

Tio estas diskriminacio - aŭ: Ĉu ĝi estas nur stulteco?

Li bedaŭris, ke la Varbado/informado-komisiono, kiun ni havis ĝis antaŭ du-tri jaroj ne plu funkcias, nun kiam ili en pluraj landoj dungas relative multajn novajn fervojistojn.

Fine li esprimis la esperon, ke ĉiuj, kiuj estas fervojistoj aŭ povas influi al fervojistoj kune agu por plifortigi IFEFon kaj per tio helpi al elimino de lingva diskriminacio, almenaŭ ĉe la fervojoj.

Zensuke Kusuda, Japanio, plendis pro diskriminacio de la japana lingvo en internaciaj rilatoj.

Antaŭ la milito ili havis fortan fervojistan movadon en Japanio, sed nun ĝi lamas bedaŭrinde, ĉar ili nun havas multajn junulojn inter siaj fervojistoj.

Ili nun planas fari kontakton kun Ĉinio en la venonta jaro por vigligi sian movadon.

Ĉeestanta virino, ne fervojistino, prenis la okazon danki al IFEF pro la bonegaj skisemajnoj, kiujn ili okazigas. Ŝi bedaŭris nur, ke la Svisaj Feriaj Somersemajnoj ne plu estas. Henning Olsen respondis, ke li provos, se eble, restarigi tiujn somersemajnojn.

Fine, Imre Ferenczy faris mallongan raporton pri la vigla agado inter la fervojistoj en Hungario.

Bertil Bengtsson

# KIEL NI ALTIGU LA NIVELON DE NIA LINGVOSCIO?

(Resuma versio de la prelego
de MARJORIE BOULTON
en la IFEF-kongreso, 1980)

Ni unue demandi al ni mem, ki-al ni altigu la nivelon de nia lingvoscio ? Ĉar la precizaj procedoj dependas parte de niaj motivoj.

Ni konas tiujn, kies sinteno estas proksimume tia:

"Kial mi lacu min kaj perdi mia tempo, por altigi la nivelo de nia scio pri Esperanto? Mi ne deziras iĝi Akademianon. Mi korespondencias kun multaj plumamikoj kaj ni interŝanĝas postmarkojn. Mi enĝojas la societalan vivon de nia loka grupon en mian urbon. Mi estas tuta kontenta kaj mi havas pli gravaj aferoj, al kiun deĉidi mian tempon."

Ili parolas, ne Esperanton, sed la rivalan internacian lingvon, Espereranton. Nu, ĉiuj devas en la vivo iom elekti; aliaj aferoj ja postulas nian atenton kaj tempon. Se ni deziras, ke Esperanto estu kiel eble plej utila al la tuta homaro, estas verŝajne preferinde, ke iu uzas ĝin utile, kvankam ne tre bone, ol ke ĝi restu neuzita. Ni estu iom toleremaj; tamen, estas tre bedaŭrinde, resti fuŝesperantisto, se niaj cirkonstancoj kaj talentoj permesas al ni progresi. Kaj kiom ajn da indulgemo ni montru al aliaj, ni memoru, rilate al ni mem, ke multaj homoj mirinde venkas tre malfacilajn cirkonstancojn, ĉar ili sincere volas venki; kaj ke talentoj kreskas, eĉ surprize, se ni kultivas ilin. Fuŝesperantisto ne nur malmulte servas Esperanton, kaj foje eĉ malservas ĝin, sed tute ne ricevas de ĝi la profitojn kaj plezurojn, kiujn li povus ricevi.

Mi mencios unue kelkajn plimalpli universalajn motivojn por plibonigi nian lingvoscion.

Unue, la celo de Esperanto estas pli bona komunikado. Kvankam elementa scio ebligas ian minimuman komunikadon, ju pli bone ni scipovas nian lingvon, des pli bone ni povas komuniki kun aliaj; kaj kun pli diversaj personoj, pri pli diversaj temoj.

Ni eble kredus, ke du diversnaciaj komencantoj povas ĝui kontentigan korespondadon aŭ konversacion sur malalta nivelo, kaj ke, se ili faras kelkajn erarojn, ne gravas. Sed erarantoj el du nacioj ne faras la samajn erarojn! kaj ne scias, kiajn erarojn la nacia lingvo de la alia instigis.

Angla komencanto volas mencii bufon, ne rigardas sian vortaron, sed pro la influo de la angla vorto toad skribas todon. Sed eble tio kaŭzos, ke hispano kredas, ke la edzino de la anglo trovis en la ĝardeno tuton (hisp. todo) - sed tutan kion? Franco, ke ŝi trovis domaĉon (fr. taudis); kaj germa-

no eble kondolencos, ĉar ŝi trovis la morton (der Tod)! Kaj ni povas imagi la konfuson, se estas hispano, kiu volas skribi ion pri bufo, kaj en Esperanto uzas la hispanan vorton sapo!

Sur pli alta nivelo ni povas erari, se ni pensas pri la signifo de iom internacia radiko en la propra lingvo, kaj uzas bonan esperantan rilatan radikon, sed kun la senco-nuanco ne de Esperanto, sed de nia propra lingvo. Ni povas, ekzemple, misuzi akto, aktuala, dezerto aŭ deserto, eventuala, glaso, merkato, observi, pipo, popo, slipo, strikta. Ni memoru ĉiam, ke korespondanto povas serĉi vorton en vortaro, sed ne povas mense retraduki nian Esperanton en nian nacian lingvon, por kompreni, kion ni intencis skribi. Do, grava motivo estas ke ni komprenu unu la alian plene.

Alia motivo estas, ke ni ne tedu aliajn! Ĉiu el ni iam estis komencanto, kaj ofte estas devo de sperta esperantisto, montri paciencon kaj indulgemon, kiam komencanto fuŝas, balbutas, hezitas.

Nu, mi penas al komencanto esti **afabla kaj kuraĝiga**; sed kiam mi post kvin jaroj renkontas la saman komencanton, aŭ devas deĉifri ankoraŭ fuŝajn leterojn, mi emas protesti. "Ĉiu devas iam komenci, sed neniu rajtas ĝismorte komencadi!" Kaj tro da "eternaj komencantoj" tre malaltigas la nivelon de kulturo kaj aktivoj en ia grupo - aŭ internacia kongreso.

Se ni serioze ŝatas Esperanton, ni havu etan sloganon:

"Ne estu nur samideanoj; estu samlingvanoj!"

Pli egoisme; ju pli bone ni scipovas la lingvon; des pli ni povas utiligi ĝin - por vojaĝi, skribi al fak-delegitoj pri niaj fakaj aferoj, ĉeesti kongresojn, legi interesajn librojn, viziti, memfide akcepti vizitantojn, servi nian ŝatokupon aŭ kolekton, k.t.p.

Ni ankaŭ savas nin de misjuĝoj kaj eĉ malĝentilaĵoj. Mi memoras germanon, kiu diris al mi: "Vian Esperanton estas ne guta, mi ne kompreni vian anglujan dialekto." Japana komencantino iam riproĉis Julion Baghy: "Estas telule malfacile kompleni vi, ĉar vi palolas kun telule folta hungala akcento!" Sperta esperantisto komprenas, ke preskaŭ ĉiuj el ni havas etajn naciajn trajtojn en la elparolo, sed facile aŭdas ĉiujn, ne nur samlandanojn, kies akcento estas tiu, kiun li kutimas aŭdi! Nescianto ofte akuzas francon pri "francismo", hungaro pri "hungarismo", kiam la frazo estas tute internacia, aŭ parolas pri "neologismo", kiam iu uzas eĉ zamenhofajn vortojn, kiujn la nescianto hazarde ankoraŭ ne konas.

Ni ellernu, ankaŭ, por ke ni ne malpropagandu. Mi plurfoje renkontis homojn, kiujn tielnomitaj esperantistoj forpelis de Esperanto. Antaŭ multaj jaroj, mi mem naŭziĝis kaj preskaŭ forlasis Esperanton pro fuŝado kaj krokodilado en nacia kongreso. La plej promesplena esperantistino, kiun mi iam ajn instruis, tuj forlasis Esperanton post vizito al loka grupo de nekompetentuloj.

Neniu faros brilan laboron sur ĉiu kampo, sed eble iu havas ian apartan ambicion.

Tiu, kiu deziras instrui Esperanton al aliaj, nepre laboradu por konstante plialtigi la nivelon de sia scio. Malbonaj instruistoj ofte mallogas lernantojn. Instruisto devas vere bone scipovi la lingvon. Eble alia deziras iĝi impona oratoro, kiel Leo Belmont, Privat, Lapenna, Auld, Tonkin. Alia volas traduki ian majstroverkon el la nacia lingvo - aŭ raportojn pri fervojistaj problemoj. Estas tre facile, traduki ion en Esperanto nebone; sed bona traduko ne legiĝas kiel lernejа tasko, kaj postulas bonan scion.

Kiel ajn aktoro kapablas montri emociojn kaj vere eniri fremdan personecon, li ne utilas, se oni ne aŭdas la vortojn, li stumblas meze de frazoj, ellasas akuzativojn kaj fuŝas la lingvan parton de sia tasko.

Esperanto estas bonega lingvo por la poezio. Sed neniu kredu, ke poeto nur rapide skribas kelkajn sent-esprimojn kaj tajpas ilin en mallongaj linioj. Eĉ por fari etajn ŝercajn rimaĵojn bone, ni bezonas edukitan lingvosenton kaj memdisciplinon. Iam la fama pentristo, Joshua Reynolds, faris belan pentraĵon tiel rapide, ke aliaj miris. "Kiom da tempo vi bezonis, por pentri tion?" iu demandis. "Tridek jarojn!" li diris, kaj tiel estas kun ĉiu arto. Simile, se vi deziras verki romanon, novelojn, eseon, ion ajn, vi devos pene lerni la metion.

Eble vi deziras diskonatigi ion inter esperantistoj; se jes, memoru, ke malbona lingvaĵo tre eble malpropagandos vian aferon, sugestante, ke la ismano ne estas tre inteligenta.

Eble vi deziras servi la Movadon kiel organizanto ie. Se jes, vi bezonas multajn talentojn kaj virtojn ne lingvajn. Sed organizanto, kiu ne povas klarigi ion pri Esperanto al ĵurnalisto, prezenti prelegonton, danki preleginton, instrukcii pri aranĝo, skribi protokolon, prezidi kunsidon, verki raporton, bonvenigi eksterlandanon, ne estos tre utila.

Ni turnu nin al kelkaj praktikaj preskriboj. Unue, jen kelkaj rimedoj por tiuj, kiuj havas specialajn celojn.
Se vi deziras instrui, nepre poluru vian scion pri nia gramatiko kaj lingvaj kutimoj, ĝis ĝi brilas. Estas vera misfaro, instrui erarojn! Se eble, ĉeestu ian kurson pri la Cseh-metodo; ĝi ne estas la sola bona metodo, sed donas valoregajn ideojn pri instruaj metodoj. Studu diversajn lernolibrojn; ekzistas bonegaj, banalaj, eĉ malbonaj. Se vi instruos en lernejo, kiel eble plej larĝe studu porinfanajn librojn; kaj ĉiuokaze, iĝu kompetenta por konsili pri leg-materialo. Du aparte utilaj libroj estas Esperanto kaj lernejo (1959) kaj Metodiko de la Esperanto-instruado (1970).

Tiu, kiu deziras iĝi oratoro, nepre legu kaj relegu almenaŭ la praktikan parton de Retoriko, de Ivo Lapenna. Studu elstare bonajn paroladojn, ekzemple tiujn (presitajn) de Zamenhof, Lapenna, kaj multajn presitajn en la gazetoj. Estas valore, analizi tiajn paroladojn,

kaj demandi al si, kial ili efikas.

Sed oni ne iĝas oratoro nur per legado; necesas plibonigi sian elparoladon kaj ĝenerale ekzerci sin. Diskoj kaj sonbendoj helpas nin. Kaj parolu! eĉ se unue al vi mem en aparta ĉambro, poste al loka grupeto .... oni ne naĝas ekster la akvo.

Tiu, kiu deziras traduki, nepre serioze kaj humile pripensu la tradukan arton, ĉar multaj, kiuj tradukis, ne havis sufiĉe severajn kriteriojn. Bona traduko trovas la plej proksimajn ekvivalentojn por redoni la formon de la verko, la precizan enhavon, laŭeble la detalajn nuancojn (ekz. ne ruĝa se devus esti skarlata), la stilon, kaj ian specialan ornamaĵon, ekzemple ian vortludon. Tradukemulo penu por pligrandigi sian vortostokon kaj pli bone kompreni nuancojn. Alia tre utila ekzerco estas, preni vere rekomendindan tradukon, ekz. de Zamenhof, Kalocsay, Auld, Rossetti, Bernard, kaj detale kompari ĝin kun la originalo.

Por la aktoro ekzistas multaj konsiloj, kiuj estas sufiĉe universalaj; kaj rigardi bonan aktoradon en iu ajn lingvo estas instrua. Sed specialaj lernilooj por tiu, kiu volas aktori en Esperanto estas diskoj kaj sonbendoj kaj ĉeestado de prezentadoj en Esperanto.

Al tiu, kiu volas fariĝi poeto, mi konsilus, legu multajn bonajn poemojn; studu ekzemple la Esperantan Antologion. Ankaŭ nepre legu, relegu kaj uzu la konsultlibron Parnasa Gvidlibro - ĝi helpos, eĉ por verki nur etajn amuzajn poemojn. Por fariĝi verkisto de iu ajn speco, legu jam rekonitajn bonajn verkojn en via fako. Ne imitu - valora verkisto parolas por si mem, ne per la buŝo de alia; sed lernu kriteriojn kaj studu esprim-rimedojn. Tre gravas por ĉiu verkisto la vortostoko kaj la gramatiko. Kaj tiu, kiu volas verki aŭ prelegi aŭ diskuti pri iu faka temo, akiru la vortaron de tiu fako.

Organizanto nepre speciale studu la historion de la Movado kaj la Jarlibron de UEA; kaj aparte al organizanto mi rekomendas libron, rekomendindan al ĉiu esperantisto: Esperanto en Perspektivo. Bona organizanto konscience atentas ĉiutagajn detalojn; sed li aŭ ŝi komprenu pri grandskalaj rilatoj, kaj pri la mirakloj de kontaktoj kaj kunlaboradoj, kiujn Esperanto jam nun ebligas.

Sekvas kelkaj ĝeneralaj konsiloj, validaj por ĉiuj.

Por plibonigi nian scion, ni devas ekzerci nin. Kaj jen utila eta averto; pro faktoroj, en la psikologio de la memoro, kaj de lernoprocedoj, kvaronhoro da ekzercado ĉiutage pli bone efikas, ol horo kaj tri kvaronoj ĉiun mardon. Mi konsilas al ĉiu komencanto kaj progresanto: studu Esperanton ĉiutage, se nur dum dek minutoj - se vi nur aŭskultas sonbendon dum vi vestas vin aŭ aranĝas viajn harojn. Ne kuraĝigu vian forgesilon!

Ĉiu povas pripensi tri grandajn rimedojn por plibonigi nian scion:

1. LEGU. 2. SKRIBU. 3. PAROLU.

Post multjaraj spertoj mi aldo-

nos:

4. KONTROLU. 5. SERVU.

1. LEGU.

Ia ajn legado pli helpas, ol nenia legado. Se vi legas nur facilajn, malpezajn verkojn, vi pli kaj pli alkutimiĝas al la vortoj kaj kutimoj de la lingvo; via legado rapidiĝos; vi komencos iom pensi en Esperanto. Sed, kiam eble, eklegu pli malfacilajn librojn - streĉu vin! Se, kiam ni legas, ni serĉas en vortaro ĉiun vorton, kiun ni ne konas, ni pligrandigas nian vortostokon. Estas bone havi notlibron por novaj scioj.

Estas grave, ke esperantistoj laŭeble aĉetu bonajn esperantajn librojn - alie, oni ne povos eldoni ilin! Sed estas aliaj rimedoj por legemuloj. Ĉiu loka grupo devus havi grupan bibliotekon, eĉ se temas nur pri ia librokesto. Sed estas bone, ke anoj regule pruntu librojn kaj diskutu pri ili. Kaj en multaj landoj, publikaj bibliotekoj akiros stokon de esperantaj libroj, se sufiĉaj homoj montras intereson.

Kelkaj legaj ekzercoj estas aparte valoraj:

a) Legu tradukon de verko, kaj komparu ĝin kun la originalo: rigardu la esprim-rimedojn, la problemojn kaj solvojn.

b) Laŭtlegu en grupo; ĉar, por laŭtlegi, oni devas ne nur vidi, sed vere rigardi; oni samtempe ekzercas sin pri elparolo kaj parolado; la komencanto povas lerni de aliaj; estas sento de kolektiva kunlaborado; oni povas diskuti pri io interesa, laŭtlegi dramon estas bonega ekzerco.

c) Legu, kaj noti pri via legado, ekzemple, resumu, en Esperanto, la enhavon de iu libro.

d) ne forgesu legi la verkojn de Zamenhof, niajn modelojn, kaj ankaŭ ion aktualan, kie ordinaraj nuntempuloj esploras nuntempan stilon kaj vortaron. Mi aparte rekomendas la tre interesan kaj profesiecan gazeton MONATO. Ni pli ofte bezonas vortojn kiel televidilo, atombombo, komputero, antibiotiko, kserografio, kaj eksterEŭropajn vortojn kiel igvano, tatamo, gnuo, manioko, kiujn Zamenhof ne uzis, ol kelkajn vortojn, kiujn li elpensis ĉar tiutempe li bezonis ilin, kiel vojevodo, jesaulo, vokto, pudo; ni tenu unu piedon en la historio, la alian en la nuntempa mondo.

e) Kaj foje ni turnu nin de romanoj kaj antologioj, gazetoj kaj dramoj, por relegi nian gramatikon aŭ pli bone esplori nian vortaron. Mi mem povas diri, ke nuntempe la legado, kiu plej konstante helpas min plibonigi mian lingvoscion, estas mia konsultado en la Plena Ilustrita Vortaro. Ĝi estas trezorejo ne nur de vortoj, sed de precedencoj kaj esprim-rimedoj.

2. Skribu.

Faru ekzercojn - el iu lernolibro, en ia kurso. Faru traduketojn. Mi aparte rekomendas Paŝoj al Plena Posedo, de William Auld, por vere pensigaj ekzercoj. Skribu leterojn al plumamikoj, precipe al amikoj, kiuj ne scipovas vian nacian lingvon, tiel ke vi ne povos helpi vin per krokodilado. Ĉiam, skribante, restu kiel eble plej

konscia pri la ricevonto. Jes, vi komprenas vian leteron; sed ĉu Kuame en Afriko aŭ Atuk en Gronlando komprenos ĝin? - jen la demando!

3. PAROLU.

Ni neniam lernos paroli Esperanton flue, sole kaj en silento. Se heme eble, ni partoprenu ian grupan vivon. Kaj estas grave, ke en ĉiu Esperanto-klubo, ĉiu eta grupo, la anoj parolu Esperanton inter si dum almenaŭ granda parto de la tempo. Ideale, ni parolu nacilingve tie, nur por certigi, ke veraj komencantoj aŭdis ian gravan informon, ekz. pri la venonta kunveno; aŭ por klarigi ion pri Esperanto, ekzemple iu problemo gramatika, kiu perpleksigas iun.

Se tute ne estas eble partopreni la vivon de ia grupo, parolu al vi mem, instruu familianon, insultu la katon esperante, korespondu per sonbendoj, konversaciu telefone ....

Se eble, iru ien, kie vi devos paroli esperante; Universala Kongreso estas ideala, sed iu ajn renkontiĝo kun alilandanoj estas valora. Se vi mem ne povas vojaĝi, eble vi povas inviti iun viziti vin?

Ofte estas bone, en grupo, havi ian difinitan ekzercon, kiun ĉiuj antaŭpreparas. (Ekzemple, ĉiu alportu interesan objekton kaj klarigu pri ĝi). Ni ankaŭ ne forgesu, ke tre necesa parto de konversacio estas aŭskultado; ni lernas ion, ne nur kiam ni parolas, sed kiam ni atente aŭskultas kaj kutimigas niajn orelojn al la lingvo. Kaj ni ne forgesu, ke tiu, kiu persiste parolas nacilingve en esperantista rondo ne nur malhelpas sian propran lernadon - sed malhelpas ĉiujn aliajn.

4. KONTROLU.

Sen kontrolado, abunda ekzercado povas foje nur firme enradikigi erarojn en niajn mensojn! Ni ofte ne scias, kion ni nescias. Antaŭ nelonge, mi komencis skribi pri la floro, "iriso" sed kontrolis en PIV - feliĉe! La floro estas irido; iriso estas ja esperanta vorto, sed nomas parton de la okulo.

Mi estas sperta verkistino, akademiano, kiu jam aperigis 11 librojn en Esperanto. Mi ĵus finverkis legolibron, ĉirkaŭ 100.000-vortan. Sentante la specialan devon, ne instrui erarojn al lernantoj, mi kontrolis en PIV la precizan signifon kaj ĝustan uzadon de ĉirkaŭ ĉiu dudeka, foje ĉiu deka, vorto; do almenaŭ 5000 vortoj. Kaj tiel mi, kiu iom scipovas Esperanton, tamen savis min kaj miajn legantojn de eble 300 eraretoj. Do, ni ĉiuj multe kontrolu en vortaroj, se eble en PIV, se ne eble, almenaŭ en la tre bona Plena Vortaro (kun Suplemento), en nacilingvaj vortaroj, kaj foje en libroj pri gramatiko. Granda parto de progreso en iu ajn fako estas ia malfido al nia propra scio, ia preteco ankoraŭ lerni.

5. Servu !

Estas konata paradokso en homaj rilatoj, ke ni ofte plej amas tiujn, al kiuj ni bonfaras - pli ol tiujn, kiuj bonfaras al ni. Ni pli bone ellernas nian lingvon, kiam ni servas ĝin; Laborante por ĝi, ni trovas ĉiam freŝajn motivojn por pli kaj pli esplori ĝin. Talentoj vari-

es: unu instruu, alia propagandu, unu organizu grupan bibliotekon, alia kantu en koncertoj, alia traduku; sed ĉiu povas trovi ian personan kapablon fari ion utilan. Kaj la neceso, uzi la lingvon por praktikaj celoj, aŭ defendi ĝin, kaj klarigi pri ĝi, devigas nin ellerni ĝin.

Oni ofte miskomprenas la tute veran aserton, ke "Esperanto estas facila." Ĝi ne estas absolute facila, kiel estas la lekado de glaciaĵo. Ĝi estas facila lingvo, kaj iu ajn lingvo estas sufiĉe komplika studobjekto. Kompare kun naciaj lingvoj, Esperanto estas miraklo de facileco, logiko, fleksebleco, konsekvenceco, libereco; ĝi levas facilecon al la nivelo de ia estetika kvalito, ia unika beleco. Sed ni neniam forgesu, ke tamen ni devas vere lerni ĝin; ĝi ne estas ia limigita kodo de kelkaj utilaj frazoj, sed plene vivanta moderna lingvo; ĝi estas multe tro valora, por ne postuli ian penadon. Sed, dum en multaj lingvoj parkerigendaj konjugacioj kaj miloj da anomalioj nenecesaj ŝedas nin, en Esperanto ĉio lernenda estas io lerninda, kiu pliriĉigas nian esprimkapablon.

Antaŭ nelonge, bona gazeto, kiu konsideris min kiel estontan kontribuanton, sendis al mi enketilon, sur kiu staris la jena demando: mi devis indiki la nivelon de mia lingvoscio per kruĉeto ĉe unu el tri vortoj:

"mi regas Esperanton lege kaj skribe
perfekte
bone
mezbone"

Mi post hezito aldonis -ge al bone, markis ĝin per kruco, kaj skribis apude:

"Neniu rajtas diri, perfekte!"

Sed tiu ĉi diro ankaŭ signifas, ke neniu devas stagni; ni ĉiuj povas progresi senfine. Se ni ne penas por progresi, ni baldaŭ malprogresas; sed kiam ni konstante penas progresi, ni konstante ĝojas pro etaj venkoj. Ĉiu el ni povas elekti: ĉu esti esperantisto aŭ nur eksesperantiĝinto; ĉu paroli Esperanton aŭ Espereraranton; ĉu konstante krei por aliaj ŝedojn, aŭ konstante krei por si mem etajn triumfojn.

# NEKROLOGOJ

FR-Germanio

La 18an de Julio 1980 forpasis d-ro WILHELM LANG en aĝo de 69 jaroj. Li esperantiĝis en 1952 kaj havis gravajn funkciojn en GEFA.

Ĉeĥoslovakio

Mortis nia kolego fervojistolokomotivestro JAROSLAV JESTŘÁB el Ĉeske Budêjowice. Esperantiĝis en la jaro 1950. Nun li havis 66 jarojn.

Ni kondolencas al la familioj de niaj forpasintaj kolegoj.

IFEF

# ESPERANTO EN ĈEĤOSLOVAKIO

La 18an de majo okazis en la vico jam po kvarfoje, marŝo kiu nomiĝas "Post la třebovski virkoko" aranĝita de sport-rondeto "Lokomotivo" en Česka Třebcvá.

Tiun jaron ĉeestis 2.620 pilgrimantoj el diversaj lokoj de la tuta ĈSSR. Ankaŭ laŭ la laborplano ĈS FEF partoprenis niaj anoj ĈS FEF. Pilgrimantoj aliĝis laŭ siaj propraj decidoj kaj ĉefe fortoj je: 15, 25 kaj 50 kmjn da marŝo tra la naturo. Post la tre pluva pasinta nokto, la vetero tiun tagon estis tre agrabla: nek varma, nek malvarma.

Post certaj kilometroj da marŝado aperis kiel oazo kontrolstacio, kie ĉiuj alvenintaj pilgrimantoj ricevis en siajn listojn stampilon, kiu prezentis malnovan, sed belan vaporlokomotivon, kaj ankaŭ libervole oni povis refreŝiĝi per teo. Entute estis kvin kontrol-stacioj, ĉiam stampilo prezentis alian tipon de malnova kaj historia vaporlokomotivo. Revenante al celo post la fino de la marŝo, ĉiuj ricevis diplomon kaj medalon.

Ni esperas, ke tiuj marŝoj enskribitaj en nian laborplanon estas ankaŭ unu el multe da aliaj formoj, kiel ekkoni ne nur aliajn ĉirkaŭaĵojn de la lando, sed ankaŭ sisteme kunlabori kaj disvastigi esperantistan ideon inter ĉiuj fervojistaj instituciοj.

- - - - - - - - - - - -

En majo 1980 oni kreis en orient-slovakia regiono Esperanto-konferenco "Fervojistan sekcion" en Košice. Ĝi estas gvidata de S-ino A. Jablonovská. Kiel sekretariino funkcias M. Černáková.

La oficiala adrese estas:

Fervojista sekcio,
str. Svermová 35/L,
Košice 040 01, ČSSR - SSR.

En slovaka Enciklopedio, dua volumo (paĝo 47) estas menciita, ke nia amiko St. Seemann, Bratislava, estas la aŭtoro de vortaro Slovaka-Esperanta kaj Esperanta-Slovaka.
Ĝojiga estas la fakto, ke kvankam nur post 10 jaroj oni nun agnoskas oficiale la verkon kiel literaturan kontribuaĵon de fervojistoj

Al S-ro Seemann ni gratulas.

- - - - - - - - -

La XVa jubilea tutŝtata konferenco ĈS FEF (Ĉeĥoslovaka Fervojista Esperanto Federacio) okazas la 6an de decembro 1980 en Prago.

Interesuloj skribu al sekva adreso:

ĈS FEF - LKK, P.K. 342, ĈS 111 21 Praha 1 - Ĉeĥoslovakio.

# PASPORTA SERVO – rekorde ampleksa

La ĵus aperinta listo de gastigantoj estas rekorde ampleksa. Ĝi donas la eblecon al junuloj kaj fakte al ĉiuj malmultekoste sed inde turismi, per listigo de esperantistoj, kiuj pretas senpage gastigi vojaĝantajn esperantistojn (minimuma kontribuo povas esti petata por manĝoj). Malfermaj pordoj estas tiel troveblaj tra la tuta mondo.

Inter 1975 kaj 1980 la nombro de gastigantoj en la Pasporta Servo de TEJO kreskis de 97 ĝis 360. La nombro de landoj, kie troveblas gastigantoj simile kreskis de 32 ĝis 48.

La nova listo, kiu unuafoje enhavas ankaŭ mapojn, estas aĉeteble ĉu de:

J.-M. Cash, 9, rue du Languedoc,
F-78690 Les Essarts-le Roi, Francujo,

kontraŭ 15 francaj frankoj aŭ irkp.(pĉk.25 426-58 Paris);
ĉu de la libroservo de UEA (inkluzive aliĝon) kontraŭ 7.50 gld.



## Gravaj enhavaĵoj



La redaktofino por la venonta IF estas 15.11.80.

 Preso: Esperanto-Centro Aarhus, Dk-8000 Århus C